# Informilo de Ĝemelaj Urboj

N-ro 3 (6) septembro de 2003

NOVAĴO

La projekto en la estrara raporto kaj UK

La projekto estis menciita en la estrara raporto de UEA por 2002. En la sekcio 1.7 pri landa kaj regiona agado ĝi priparolis ĉi tiel: La laboro en la landoj kaj regionoj ligiĝas al ĉiuj tri ĉefaj celoj de la Asocio: informado, instruado kaj utiligado. En 2002 la Asocio laboris per du ĉefaj rimedoj: (a) siaj regionaj komisionoj, kiuj kunordigas la laboron en la diversaj landoj, kaj (b) siaj rektaj rilatoj kun landaj asocioj. Estrarano Michela Lipari respondecis pri ambaŭ terenoj. Ilin suplementis la intensa agado de s-ro Wu Guojiang, komisiito de UEA pri ĝemelaj urboj, kiu tre aktive klopodas kaj interrilatigi esperantistojn el urboj, kiuj jam havas ĝemelajn rilatojn, kaj instigi al kreo de novaj ĝemelaj kontaktoj. Li ankaŭ redaktas regulan retan bultenon por informi pri la evoluo de la diversaj iniciatoj tra la mondo.

Dum la Gotenburga UK inter la 26-a de julio kaj la 2-a de aŭgusto s-ino Michela Lipari, estrarano de UEA kaj unu el tri gvidantoj de la projekto, aktive paroligis la homojn pri la projekto en la kunvenoj pri agado en lokaj grupoj kaj en landa agado. Ŝi instigis la respondeculojn de LA labori en tiu kampo kaj petis la unuopajn spertojn.

## Jara raporto de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2002*

1. Komisiito kaj kunlaborantoj

Januare de 2002 la estraro de UEA dum sia kunsido diskutis pri la propono, ke s-ro Wu Guojiang, komitatano B de UEA kaj vic-prezidanto de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio, estu komisiito de UEA la projekto "Ĝemelaj Urboj". Marte la estraro de UEA nomumis s-ron Wu kiel komisiiton de UEA pri la projekto. Kadre de UEA la komisiito tenas kunlaboron kun tri samideanoj el la estraro kaj akceptas ilian gvidon. Tri gvidantoj estas s-ro Renato Corsetti (prezidanto), s-ino Michela Lipari (estrarano) kaj s-ro Trevor Steele (ĝenerala direktoro).

2. Laborplano de la projekto

Februare s-ro Wu redaktis detalan planon pri la projekto. El tio rafiniĝis la skiza plano, kiun reviziis kaj poluris s-ino Lipari kaj s-ro Corsetti. Detale vidu en N-ro 1 kaj N-ro 5 Informilo de Ĝemelaj Urboj

3. Cirkulero kaj rete revueto

En majo la cirkulero pri la laborplano rete dissendiĝis al esperantistoj kun retadreso(j) kaj aperis en la priaj listoj ĉe Yahoogroups. En junio s-ro Wu starigis retan revueton, t.e. Informilo de Ĝemelaj Urboj, kaj sume eldonis 3 numerojn (en junio, septembro kaj decembro 2002) por efike antaŭenigi la projekton, kaj plibone organizi la esperantistojn loĝantajn en ĝemelaj urboj kaj interesiĝantajn pri la projekto, kaj aktive akceli la komunikadon inter la ĝemelurbaj samideanoj. Tri kunlaborantoj el la estraro donis detalan zorgon kaj entuziasman helpon al ĝia redakto kaj aperigo. Pli ol 1000 esperantistoj povis legi ĉiun numeron laŭ rekta dissendo kaj aperigo en la listoj ĉe Yahoogroups aŭ kelkaj ttt-ejoj (hejmpaĝoj). La revueto ludis rolon por interŝanĝo de la

interurbaj esperantistoj, ekzemple, s-ro Hans Fechler en Germanio trovis helpe de la revueto trovis esperantiston en la itala ĝemelurbo Pavia (30km sude de Milano) de Hildesheim kaj starigis kontakton kun li.

4. Reago al la projekto**
Ĝis la 31-a de decembro 2002 la projekto sume ricevis reagojn de 112 esperantistoj el 36 landoj. 193 urboj estis menciitaj en la ricevitaj mesaĝoj, i.a. parto el ili aperis en Informilo de Ĝemelaj Urboj. La komisiito faris seriozan respondon al ĉiu reago. Tri ĉinaj lokaj gazetoj kaj kvar ttt-ejoj aŭ paĝoj raportis la projekton. Krome la komisiito ricevis la germanan revuon "PONTOJ" , kiu estis redaktita ĉefe por reciproke interligi kaj informi pri esperantistaj vivoj de la urbo Hildesheim kaj ĝiaj ĝemelaj urboj, kaj la priajn materialojn (eldonaĵoj, kasedoj kaj fotoj) de s-ro Takeuti Yosikazu el Japanio kaj s-ro Werner Pfennig el Germanio, kiuj reflektis la interŝanĝon de esperantistoj de iliaj loĝurboj kun tiuj de siaj ĝemelaj urboj.

5. La projekto dum UK kaj AK
S-ino Lipari prezentis la raporton pri ĝemelaj urboj redaktitan de la komisiito en la komitatkunsidoj dum la 87-a UK okazinta en Brazilo, en kiuj tiu kampo fariĝis la plej debata temo. S-ro Hori Yasuo, la prezidanto de KAEM (Komisiono de Azia Esperanto-Movado) prezentis la gratulan leteron de la komisiito ĉe la malferma ceremonio de la 3-a Azia Kongreso de Esperanto, kiun Koreio gastigis inter la 23-a kaj 25-a de aŭgusto.

6. Propono
La supremenciitaj reagoj menciis nemalmultajn proponojn krom la deziroj serĉi esperantistojn en ĝemelaj urboj. Tamen almenaŭ tri flankoj estas rimarkindaj:
a. establi informo-stokon pri tiu projekto
b. starigi specialan ttt-ejon aŭ paĝon pri tiu kampo
c. eldoni paperan revueton "Informilo de Ĝemelaj Urboj"

7. Problemoj
a. Nevasta diskono de la projekto
En 2002 la rezulto de la reagoj sufiche pruvis nevastan diskonon de la projekto, ĉar ĉiu reago venis el tiuj lokoj, kie troviĝas nur esperantistoj kiuj havas retadreso(j)n. Same al tio, la komisiito neniam ricevis ajnan respondon el la esperantistojn sen retadreso(j).
b. Neabunda informo
Pro multaj kialoj nuntempe la komisiito ne povas sufiĉe kontroli informojn pri la esperantistoj en ĉiu ĝemelurbo.

Notoj:
* Tiu ĉi enhavo venas el Jara raporto de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2002 de la komisiito sendita al la tri gvidantoj en februaro de 2003.

** Pro la forpaso de s-ro Manfred Führer la respondo siatempe estis neeble, sed reaperis nova delegito en Jarlibro 2002, t.e. s-ro Barclay D. Johnson. Ricevinte la paperajn kopiojn de Informilo de Ĝemelaj Urboj, s-ino Sevdiye Katircioglo faris aktivan respondon en la komenco de Januaro

2003.

## Forpasis s-ro WANG Renhu

La 22-an de aŭgusto 2003 s-ro WANG Renhu forpasis pro koratako je la aĝo de 65. Li kontaktis Esperanton en 1979. Li estis: unu el la fondintoj de Liaoning-provinca Esperanto-movado, Ĉinio, konsilantarano de Ĉina Esperanto-Ligo, la honora prezidanto kaj la eks-prezidanto de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA), kaj kreinto de la gazeto "Verda Stelo", trimonata kaj 48-paĝa organo de LEA, kaj direktoro de ĝia redakcia komitato. S-ro WANG Renhu subtenis la agadon pri ĝemelaj urboj. Tion sufiĉe pruvas la faktoj, ke li starigis specialan rubrikon "Ĝemelaj Urboj" en la gazeto "Verda Stelo" kaj instige enskribis la laboron pri ĝemelaj urboj en la unuan kvinjaran laborplanon (2001-2005) de LEA por la 21-a jarcento. Ĉi tie nome de la komisiito de la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA mi triste kondolencas pro la morto de s-ro Wang Renhu kaj esprimas mian funebran salutis al la familianoj de s-ro WANG (Wu Guojiang).

## La projekto en gazeto

1. N-ro 3 Esperanto/2003, organo de UEA, en la rubriko "Fake" koncize prezentis la projekton "Ĝemelaj urboj" rilate la komisiiton kaj la retan revueton "Informilo de Ĝemelaj Urboj". Informiĝinte pri tio el tiu numero s-ro Ntumba Kapinga el Respubliko Demokratia de Kongo vivanta en Harare, Zimbabvo, tuj aktive kontaktis la komisiiton kaj rete skribis raporton kiu estas legebla en la rubriko "URBA STILO KAJ TRAJTO" de tiu ĉi numero. Ankaŭ estas la dua raporto pri ĝemelaj urboj en la revuo Esperanto depost la jaro 2001.
2. Ekde la jaro 2003 ĝemelaj urboj kiel unu el INSTANCOJ DE UEA aperas en la Jarlibro.
3. N-ro 2 Verda Stelo, organo de LEA, Ĉinio, raportis la projekton per la temo "La projekto pri ĝemelaj urboj estas en la sana kaj stablia disvolviĝo".

## La projekto en interreto

1. La retejo de Massachusetts Instituto de Teknologio (Massachusetts Institute of Technology) en Usono sekve konstruis la hejmpaĝon por n-ro 1 (4) Informilo de Ĝemelaj Urboj post ĝia n-ro 3. Ĝi estas: http://web.mit.edu/quark/Public/Esperanto/gxemelaj_urboj_2.doc.
2. N-ro 2 (5) Informilo de Ĝemelaj Urboj ankaŭ aperis en la Esperanta retejo http://www.oazo.xilubbs.com, kiun kontrolas s-ro Cui Jiayou el Jixi-urbo, Ĉinio.
3. http://abonu.com/archive/faktoj.libroj/200304/25212849.html estas unu el hejmpaĝoj de la Informa Kanalo Abonu.com kun pli ol 500 abonantoj kaj 30 retaj gazetoj, kiu estis malfermita en la 26-a de Julio 2002. En la paĝo vi facile trovas raporton pri ĝemelaj urboj, en kiu menciis la komisiiton kaj la retan revueton Informilo de Ĝemelaj Urboj.

## Reagoj al la projektoj "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto

1. François HOUNSOUNOU, ĝenerala sekretario de Benina Esperanto-Federacio (BEF), en Benino: kara samideano, Ni ege interesiĝas pri via informilo. BEF ege petas vin ĉu vi povus kalkuli iajn urbojn de Benino pri Ĝemelaj urboj, ĝi estos tre kontenta. Bonvolu informi nin pri nia propono. Kore kaj tre koncize salutas vin,

2. Raymonde Pérault en Francio: Mi ricevis vian informilon kaj mi deziras reagi kaj gratuli vin pro via ampleksa trarigardo de tiu grava temo. Mi loĝas en urbeto kiu situas je 10 kilometroj de la Kastelo Fontainebleau. Mia vilaĝo estas ĝemeligita kun urbeto en Germanio kaj alia urbeto en

Britujo. Mi ne scias ĉu estas geesperantistoj en tiuj du vilaĝoj. Estus interese tion scii.
Antaŭe mi loĝis pri proksime al Parizo kaj tie nia urbo estas ĝemeligita kun urbeto en Germanio kaj alia en Rumanio. Mi jam havis plurajn interŝanĝojn kun la esperantistoj de la urbo en Germanio. Poste estis esperantista grupeto en tiu loĝurbo kaj kune kun la aliaj el Germanio, ni havis interesajn interŝanĝojn en Francio kaj en Germanio.
Mi volonte helpos vian agadon sed mi ne scias kio estas interesa por vin helpi. Ĉu vi povus fari proponojn al mi. Koran amikan saluton el Francio

3. Rodolfo Canet Marin el Alicante en Hispanio: Kara S-ro. Wu, de antaŭ kelkaj jaroj nia esperanta grupo ĉiam rimarkis la gravecon partopreni en nia urbo pri "ĝemeligo de urboj". La regantoj el nia urbodomo ĉiam de temp' al tempe ĝemeliĝas kun tutmondaj urboj kiujn ili konsideras interesaj, kaj ni tuje vizitas la urbodomon por partopreni kiel esperantistoj en la aferoj. Nun pro la somero, nia Grupo fermas ĉian aktivadon kaj komencos denove en la dua aŭ tria semajno de Septembro. Tiam mi informos vin pri la urboj kun kiuj ni kiel esperantistoj estas ĝemelitaj. Mi gratulas kaj dankas vin pro la grava afero en kiu vi aktivis pri ĝemelaj urboj, kaj mi ĉiam restos servopreta por nia afero...

4. Laura Brazzabeni, ĝenerala sekretario de FEI, el Mantova en Italio: Dankon, Mi tuj sendas ĝin al la respondeculo de Itala Esperanto- Federacio (Mario Amadei).

5. Nancy Fontannaz en Svislando: Tre interesa! Mi faris kopion por nia landa biblioteko! Dankon!

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Urba historio

Zimbabvo estas 390,580 kvadratkilometrojn kaj havas landlimojn kun Sudafriko (la suda landlimo), Botswana (la okcidenta landlimo), Zambio (la norda landlimo) kaj Mozambique (la orienta landlimo); kaj krom esti landlimoj la riveroj Zambezi kaj Limpopo dise formas la nordan limon kaj la sudan. Ĝi havas ok provincojn kaj diversajn urbojn, el kiuj estas la plej gravaj Hararo (la ĉefurbo), Bulawayo (la dua plej granda), Mutare (la tria) kaj Gweru (la kvara). La sezonoj estas: somero en novembro kaj vintro de majo ĝis aŭgusto. la temperaturo en la plej varma monato foje superis 32 celsiajn gradojn. La vintro ĝenerale estas seka, ĝia temperaturo tage varias inter 15-20 celsiaj gradoj, kaj 25-30 celsiaj gradoj.

Zimbabvo havas tre belajn vidindaĵojn, unu el ili estas la plej fama (konata) kaj la plej vizitata Victoria Akvofalo. La aliaj estas Kariba, Matopo, Hwange, Great Zimbabwe, Nyanga, Vumba, Chimanimani ktp. kaj ili ĉiuj havas belajn hotelojn por restado. Pro la nuna neniam okazinta ekonomia krizo, la sola sektoro estas, ke la registaro ricevas devizon (Usona dolaro kaj Eŭro).

Estas iom konfuza paroli pri la zimbabva kulturo, des pli ke la nuna generacio blinde kopias la okcidenton (Eŭropo). Sed pri la Zimbabva kulturo dum prapatra tempo, la loka kulturo agnoskis kaj iel ĉiam agnoskas la kredon pri rita superstiĉo kaj la timon de la ne-diskonatigo. La pliaĝaj homoj estas multe respektataj kaj infanoj devas submetiĝi, dum viro havas pli da valoro ol virinoj.Vortaj salutoj ofte kuniras kun manpremo. En kelkaj triboj, oni petas la gaston (vizitanto) al permeso de spirito kaj ĉefo. Ekzistas du ĉefaj etnaj grupoj, la Shona, kiu estas multnombra,

okupas la ĉefurbon Hararo kaj parolas la Shonan lingvon kaj la Ndebele, kiu okupas Bulawayo la duan urbon kaj parolas ndebele.

La ekonomio multe dependas de la terkultivado kaj la ĉefaj rikoltoj estas: tabako, kotono kaj sukero. La koncernaj industrioj estas tekso, produkado (ellaborado) de sukero ktp. La ĉefaj minaĵoj estas oro, karbo, kupro, fero kaj nikelo. Tamen la politika krizo (misakordo) kaŭzita de Britio kaj aliaj potencaj landoj kiuj trudis ekonomian sankcion al la nuna registaro, la ekonomia situacio fulmrapide falas. Krom tio, la du-jara sekeco pli malplibonigis la situacion kaj nun ĉio mankas: devizo, nutraĵo, petrolo ktp, la industrioj fermis kaj plikostiĝas ĉiutage.

### Esperanto-movado

Ekde 1992 Zimbabvo havas sian delegiton de UEA. En Hararo troviĝas amikeca klubo de Esperanto, en kiu ankaŭ alilandaj esperantistoj aktivas krom la lokaj.

### Ĝemelitaj urboj

Hararo ĝemeliĝis kun Munkeno en Germanio. Kaj pere de la projekto "Ĝemelaj Urboj" Amikeca Klubo de Esperanto en Hararo komencis starigi kontakton kun tiu en Munkeno. Nova ĝemeliĝo estas tre bonvena por Hararo (laŭ la raporto de s-ro Kapinga Ntumba)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

Serĉante kaj kolektante la informojn pri ĝemelaj urboj en la ricevitaj eldonaĵoj antaŭaj, mi neatendite legis artikolon de Annsibyll Kamphausen el Darmstadt en Germanio pri ĝemelaj urboj aperitan en MONDA FORUMO n-roj 2-3 (10-11) /aprilo-julio 1995, organo de la eksa Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo, esperantista Unesko-Asocio. Mi trovis, ke la vidpunktoj aŭ proponoj menciitaj en tiu artikolo estas signifaj por progresigi la projekton. Nun mi prezentu ĝian tuton al vi ĉiuj en la sekvantaj Informilo de Ĝemelaj Urboj (la komisiito).

## Partneraj urboj: senfina rubando de amikeco

1. Urba partnereco: kio ĝi estas?

Post la Dua Mondmilito kun ties teroro, genocido, interpopola malamo, post la senfina sufero kaj minacate de nova danĝero – la atombobmo – ekkreskis meze de la detruita Eŭropo konvinko: nur en paca najbareco venkos la homoj super la novaj malamikecoj kaj ĝenerale postvivos. La deziro pri internacia interkompreniĝo ĝermis en Svislando kiel la ideo de partnerecaj urboj.

Dum la sekvintaj jardekoj la interurbaj rilatoj evoluis pli kaj pli – en la sferoj familiaj, profesiaj oficialaj, universitataj, instituciaj. Komence inter landoj najbaraj, poste – tra la tuta mondo.

Ofte originas la urbaj partnerecoj el individuaj, eĉ hazardaj kontaktoj – ĉu rezulte de urbestra renkontiĝo, ĉu pro geedziĝo, ĉu je niveloj studenta, kluba, sporta, ekspozicia, muzika, turista aŭ amika.

La estiĝinta kontakto manifestiĝas poste senĉese: dum la tuta jaro abundas en la urbo grandaj internaciaj renkontiĝoj – akceptoj, kulturaj eventoj, ekestas junularaj orkestroj, foiroj, ekspozicioj, negocoj, diversapecaj interŝanĝoj.

2. Urba partnereco: kia ĝi estas?

De jardekoj ekzistanta, aprobita forĝilo de interkompreno, de internacia kulturo kaj amikeco, urbaj partnerecoj peras, efike kaj elaste, krei konfidon, stabiligi demokratiojn, larĝigi perspektivojn kaj – gravege en la ksenofobi-minacata Eŭropo – ankaŭ forigi antaŭjuĝojn. Unuvorte, urbaj partnerecoj estas nocio konataj kaj ne bezonas palavran klarigon. La vojo jam estas preparita – surpaŝu tiun plugindan kampon.
Efektivigi ideojn, dezirojn, planojn estas afero de laboremo. Kiel ofte fruktodonegas la streĉoj de nur unuopaj aŭ malpluraj homoj, se ili konscias pri siaj propraj kapabloj kaj fortoj, se ili ĉerpas certecon el sencoplena laboro, el la celo, el la ĝojo krei…Urbaj partnerecoj altiras precipe homojn laboremajn, komunikemajn kaj scivolemajn pri plej vasta rondo de aliaj homoj.

3. Esperantistoj
De jaroj aktivas esperantistoj en tiu mondskala reto – de vilaĝoj ĝis formante siaspecon plektaĵon – densan en Eŭropo, sufiĉe raran, foje eĉ truhavan, ekstereŭrope. Kvankam multaj esperantistoj jam kun plezuro kaj energio engaĝigis en tiun solidan kaj daŭran internacian sistemon, ankoraŭ ne ĉiuj ties avantaĝoj kaj eskterordinaraj ebloj elĉerpiĝis, eĉ ne fariĝis plene vidataj en sia plena amplekso. Mi forte akcentas: Esperanto estas nur en la komenco de sia engaĝiteco en urban partnerecon.

4. Kiel ricevi informojn?
La vojo jam estas faciligita de aliaj, foje tre profesie. En multaj urboj ekzistas komunuma oficejo aŭ sperta responsulo pri partnerecoj. Tiuj institucioj subtenas, kunordigas kaj realigas la interŝanĝojn inter unuopoj, grupoj, kluboj, lernejoj ktp. Ili distribuas interalie proponformularojn kies plenigo helpas poste organizi la programojn, korespondon, tradukon, peri ĉe ĉiĉeronadoj kaj akceptoj. Kelkaj urboj liveras financan subtenon. Ĉiu komunumo agas siaspece – informiĝu ĉe la koncernaj oficuloj (Annsibyll Kamphausen) (daŭrigota en la venonta numero).

## SERVA PLATFORMO

### Benino

Por valorigi nian lingvon kaj montri ĝian gravecon al la benina regsitaro, Benina Esperanto-Federacio (esperantobenin@yahoo.fr) plezure ĝemeligas la urbojn (Lokossa kaj Athieme) al tiuj de Eŭropo aŭ de Ameriko. Tio permesos al ĝi pli enkonduki la lingvon en la lernejojn.

### Latvio

S-rino Mara Timermane (mtimermane@hotmail.com) el Rigo en Latvio serĉas ĝemelurbo(j)n de la urbo Sigulda, ĉar ĝi volontus kunlabori sed ne havas konatojn en Pollando, kaj volus ankaŭ en aliaj landoj. Ankaŭ urbo Tukums estas tre aktiva kun siaj Urbaj Festoj, kaj serĉas ĝemelajn urbojn, novajn, kie estas Esperanto grupoj.

## VI LEGOS

En la decembra numero vi legos pri la respondo de s-ro Michael Cwik laboranta en Eŭropa Komisiono al demandoj de Lode Van der Velde de FEL en la listo <Esperanto-en-bruselo>. En ĝi s-ro Michael Cwik akcentis la rolon de ĝemelaj urboj.
***************************************************************************
Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Ĝemelaj Urboj"

